# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

27a jaro NOVEMBRO-DECEMBRO 1975 N-ro 6




*Serio de poŝtmarkoj kun bildo de malnovaj svedaj lokomotivoj. (La serio konsistas el 6 markoj kaj kostas kun la poŝtkarto 3 int. respond-kuponojn. Mendebla ĉe LKK 28a IFEF-Kongreso.)*




## LKK 28a IFEF-KONGRESO KOMUNIKAS:

**Konstanta adreso:** 28-a IFEF-Kongreso
Hyttlidgatan 58 b
S-931 00 Skellefteå
Svedujo.

Banko: PK-Banken
S-931 00 Skellefteå
Kontonumero: 28-a Esperanto-Kongreso de IFEF. 3073 20 04527.

| **Kongreskotizoj:** (en Sv. Kr.) | **ĝis 28.2.1976** | **ekde 1.3.1976** |
|---|---|---|
| IFEF-anoj po pers: | 80,00 | 100,00 |
| Familianoj, Pensiuloj | 40,00 | 55,00 |
| Gejunuloj ĝis 20 jaroj | 40,00 | 55,00 |
| Simpatiantoj: Minimume | 25,00 | 25,00 |
| Ĉambroperado: Po lito | 15,00 | 15,00 |
| Tuttaga ekskurso: laŭ la programo | 75,00 | 75,00 |
| Duontaga ekskurso N-ro 1 | 20,00 | 20,00 |
| Duontaga ekskurso N-ro 2 | 20,00 | 20,00 |

**Loko de la Kongresejo:** Sporta Halo EDDA HALLEN.

**Provizora programo:** Legu apudan paĝon →

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M)74, Wienerstrasse – 121, GERMANIO
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto: Provinsbanken – DK 9800 – Hjørring – DANIO

| | | |
|---|---|---|
| **Vendredo** | **11.6.:** | Akceptejo malfermita.<br>IFEF-estraro, LKK kunvenas.<br>Gazetara konferenco. |
| **Sabato** | **12.6.:** | Akceptejo malfermita (fervoja stacio).<br>Kongresejo malfermita (loko, la sporta halo 'EDDA HALLEN).<br>Interkona vespero (kongresejo). |
| **Dimanĉo** | **13.6.:** | Rondveturado en la urbo (per aŭtobusoj).<br>Diservo.<br>La Solena Malfermo de la kongreso (kongresejo).<br>Folklora vespero (en la malnova kamparana urbo). |
| **Lundo** | **14.6.:** | IFEF-estraro, komitatanoj kunsidas. (Nepublika).<br>IFEF-estraro, komitatanoj kunsidas. (Publika).<br>Fakprelega komisiono: Kunveno.<br>Fakprelego.<br>Kongresa balo (la kongresejo). |
| **Mardo** | **15.6.:** | Komisionaj kunsidoj.<br>Junulara grupo kunsidas.<br>Duontaga ekskurso N-ro 1.<br>La urbo akceptas la gekongresanojn (ejo-Expolaris).<br>Forumo. |
| **Merkredo** | **16.6.:** | IFEF-estraro, komitatanoj kunsidas. (Publika).<br>Duontaga ekskurso N-ro 2.<br>Distra vespero (helpe de la junulara grupo). |
| **Ĵaŭdo** | **17.6.:** | Plenkunsido.<br>Socialaj ekskursoj (lernejoj, industrioj ktp.).<br>Futbalmaĉo – Inter kongresanoj kaj virina teamo el Skellefteå. |
| **Vendredo** | **18.6.:** | Tuttaga ekskurso: (Tutnokta ekskurso). Ekvojaĝo je la 14a horo vespere. Reveno ĉirkaŭ la 2-a horo meznokte. Per aŭtobusoj ni vojaĝos al la lapona metropolo 'JOKKMOKK'. Dum nia vojaĝo ni vizitos la grandan akvofalon 'Storforsen'; ankaŭ ni trapasos la 'NORDAN POLUSAN CIRKLON', tie ni restos kelkajn minutojn por foti ktp. En Jokkmokk ni vespermanĝos, tipan manĝaĵon por la regiono. Ni fermos la kongreson. Vojaĝos reen al Skellefteå, sub la lumo de la meznokta suno (se la potenculoj de la vetero estos kun ni). Survoje hejmen, ni ankaŭ vizitos la urbeton 'Arvidsjaur', tie ni vizitos tipan laponan vilaĝon, eble ni havos eblecon trinki 'salan kafon'. |
| **Sabato** | **19.6.:** | La kongresanoj vojaĝos hejmen. |

# LA TUTTAGA EKSKURSO

Kion skribi pri la ekskursoj, okazontaj dum la 28-a IFEF-kongreso en Skellefteå?
Ni volas atentigi kaj informi la alvenontajn gekongresanojn, ke en la norda parto de nia lando ne ekzistas historiaj vidindaĵoj, ekzemple kasteloj, preĝejoj ktp, kiel estas kutime en aliaj landoj kaj ankaŭ en la suda parto de Svedio.
Do, kion oni povas viziti kaj vidi en nia regiono?
Nia riĉeco troviĝas en nia naturo, en la arbaroj, la montaroj, la riveroj, la lagoj kaj la maro; sed plej interesa ĉi-tie estas la somero.
Vi eble demandos: la somero?
Jes, vi pravas; someron oni havas ankaŭ en aliaj landoj.
Sed la diferenco estas, ke la somero, ĉe ni, en la nordo, estas ĉirkaŭ tri monatojn longa tago; ĉe ni la suno brilas eĉ dum la someraj noktoj.

Dum la tuttaga ekskurso, ni vizitos la akvo-falon STORFORSEN (t.e. granda torento), la perlo de la regiono NORRBOTTEN. La akvo-falo situas en la rivero PITEA ÄLV, norde de la vilaĝo ÄLVSBYN.
La rivero PITEA ÄLV ankoraŭ estas tute sovaĝa, ĉar ne-tuŝita; oni uzas ĝin por transporti lignon. Se vi havos bonan ŝancon, vi eble povos vidi trunkoflosistojn dum ilia laboro. La rivero estas tre ŝatata de la fiŝ-kaptistoj, ĉar ili tie havas sian 'Eldoradon'.
Survoje al JOKKMOKK, la lapona metropolo (kiu estas la celo por nia tuttaga ekskurso), ni veturos tra arbaroj. Niaj arbaroj konsistas el pinoj, abioj kaj betuloj. Ni povas preskaŭ certigi al vi ke, se vi estas sufiĉe atentemaj, vi vidos tiujn ĉarmajn ŝajne iom stultajn bestojn, kies nomo estas boaco. Kial ni diras 'ĉarmaj'? Nu, ĉar ili estas



*Akvofalo Storforsen.*

*Foto sur apuda paĝo: Ĉe la arkta cirklo.*



tute sen-danĝeraj; ili neniam atakas la homojn.
Sed . . . kial stultaj? Jes, ili ekkuŝas sur la ŝoseon aŭ sur la fervojajn liniojn; pro tio, ofte trajnoj kaj aŭtoj akcidente mortigas ilin.
Tio estas vere malagrabla kaj okazas tro ofte.
Dum nia tuttaga ekskurso, ni tra-pasos la ARKTAN CIRKLON. Estu atentemaj. Kion vi vidos tie? Ĝi estos surprizo por vi.
JOKKMOKK, nia celo, estas relative moderna urbeto kun aparta ĉarmo.
Ĝi havas belan lignan preĝejon, ĉirkaŭitan de betuloj.
La komunumo JOKKMOKK estas tre granda; kaj, en ĝi troviĝas multaj elektroproduktejoj, precipe ĉe la rivero LULEA ÄLV. La produktado de elektra kurento estas, en JOKKMOKK, la plej granda en Svedio.
La komunumo estas lokita apud la grandaj naciaj parkoj SAREK kaj PADJELANTA. En tiu-ĉi regiono estas multaj sovaĝaj bestoj, ekzemple ursoj, vulpoj, alkoj, lupoj, linkoj k.a.
Se la vetero permesos, ni havos eblecon vidi la nokto-mezan sunon, ĉar en tiu ĉi parto de Svedio la suno sen-ĉese brilas, tage kaj nokte, dum ĉirkaŭ du monatoj.
Tio okazos ĝuste en tiu tempo, kiam ni vizitos la regionon.
Ne estu sen-iluziigitaj, se vi ne renkontos Laponojn. Nuntempe, la Laponoj ĝenerale vivas same kiel la ceteraj svedoj; ili estas same vestitaj kaj, tial, oni ne vidas ĉu estas Lapono aŭ ne.
Se oni volas renkonti Laponon dum la somero, oni devas veturi al la montaro, kie ili, dum tiu tempo, havas sian restadejon, kaptante fiŝojn aŭ prizorgante siajn boacojn. En la montaro, ili loĝas en siaj kabanoj, kies sveda nomo estas: kata.
Survoje hejmen al Skellefteå, ni vizitos la vilaĝon ARVIDSJAUR. Unu el la ĉefaj kuriozaĵoj en ĉi-tiu bela regiono de NORRBOTTEN estas la malnova lapona vilaĝo. La Laponoj iam konstruis ĝin, ne por loĝi konstante tie, sed por havi loĝejon kiam ili vizitis la vilaĝon por interŝanĝi siajn varojn kontraŭ aliaj objektoj kaj varoj: kafo, salo, sukero ktp.
La lapona vilaĝo ankoraŭ estas posedaĵo de la Laponoj; kaj, nuntempe, ili ĉefe uzas ĝin kiel turistan objekton; kelkafoje ĝi ankoraŭ estas uzata laŭ la tradicia maniero.
Al agrabla tuttaga ekskurso, L.K.K. tre kore invitas vin . . .

## LA VIVO EN SVEDIO

Iom pri la viv-manieroj en la norda parto de Svedio.
La lumo kaj la vetero estas la aferoj, kiuj gvidas la viv-manierojn en Svedio, precipe en la norda parto de la lando.
La vintro komenciĝas tre frue, ofte en oktobro, kaj finiĝas en la monato majo. Novembro kaj decembro estas monatoj preskaŭ sen lumo, nur ĉirkaŭ 3 ĝis 4 horoj en ĉiu tago. La noktoj ne estas tro malhelaj, ĉar la lumo de la luno kaj de la steloj estas reflektita fare de la neĝo, kaj tio donas mirinde sorĉan helecon.
En la monatoj februaro kaj marto, dum la malhela tempo de la diurno, vi havos eblecon vidi la 'Nordan Lumon'; ĝi estas fenomeno sur la firmamento, pri kiu la sciencistoj ankoraŭ ne havas certan klarigon. Kia estas la norda lumo, oni ne povas priskribi; oni devas vidi ĝin per siaj propraj okuloj.
Dum la vintroj spite al la neĝo, la homoj prizorgas siajn laborojn eksterdome; sed, kompreneble, oni devas labori sub aliaj cirkonstancoj ol dum la somero. Dum la vintro, oni multege skiadas; ni povas diri, ke la infanoj naskiĝas kvazaŭ kun skioj sur siaj piedoj, ĉar, jam kiam ili lernas ekpaŝi, oni povas vidi la infanetojn provi ekstere siajn unuajn skiojn.
La loĝejoj estas tre komfortaj; ĝenerale oni havas en-dome, dum la vintro temperaturon inter 23 ĝis 25 gradoj. Ekstere, povas esti malvarme ĝis minus 40 gradoj aŭ eĉ pli.
Dum la vintro, la homoj estas multe okupataj pri vestiĝo kaj senvestiĝo, ĉar vi devas kalkuli pri la granda diferenco inter la temperaturo eksterdome kaj en-dome. Ofte, la diferenco estas 60 gradoj.
Sciinda afero estas ke kiam oni faras viziton al alia familio, oni tuj deprenas siajn ŝuojn en la enirejo.
Kiel kutime, post la vintro venas la printempo. En nia regiono, la periodo inter la vintro kaj la somero estas mallonga; la printempo ofte nur restas dum unu semajno . . . Post la vintro, tute subite la naturo kvazaŭ eksplodas. Estas mirige vidi la eksplodon de la naturo; kaj amuze vidi la ĝojon de la homoj, kiuj ŝategas la lumon kaj la sunon.
Svedujo ne havas viv-nivelon pli altan ol multaj aliaj landoj; kompreneble, pro valutaj problemoj, povas esti diferenco.
Ni konsilas al vi ĉiuj: dum via vizito, vivu same kiel la svedoj. Manĝu kiel ili, kaj lasu viajn naciajn viv-manierojn hejme. Provu fari tiel; vi certe bone sukcesos. Bonvolu noti ke la alkoholaĵoj kaj tabako estas, en Svedio, pli multekostaj ol plejparte en aliaj landoj.
La plej multaj restoracioj estas tiel nomataj 'bar', tio estas manĝejoj kun mem-servado; en tiuj restoracioj, vi povas manĝi plej ofte je moderaj prezoj. Cetere, la restoracia vivo en nia lando estas tute alia ol en multaj aliaj landoj; kutime, la plej forta alkoholaĵo estas malforta biero, kiun vi povos konsumi kun la manĝaĵoj.
La ordinaraj manĝaĵoj estas: viando, fiŝo kaj terpomoj; krome legomoj, inter kiuj vi trovos brasikon, karotojn, kukumon kaj multajn aliajn.
Dum la manĝado, oni kutime trinkas lakton, multan lakton; por vi kiu kutime trinkas vinon aŭ bieron, tiu maniero eble ŝajnas stranga.



*Lapona vilaĝo Arvidsjaur.*

Kompreneble, en la sveda gastronomio, ni havas niajn proprajn 'sovaĝajn' specialaĵojn; en norda Svedio, ekzemple, la odorantan fiŝon 'SURSTRÖMMING'. Ĝi estas haringa specio, kiun oni kaptas en la Balta maro kaj en la Botnia golfo. 'Surströmming' estas konservaĵo, tre ŝatata de la nord-svedoj; ankaŭ iuj eksterlandanoj trovas en ĝi gastronomian sensacion. Kompreneble, ni havas ankaŭ la salmon kaj la boacoviandon, tre delikatajn.
Por eksterlandanoj, la pano ofte estas problemeto, ĉar nia pano ĝenerale estas iom dolĉa; sed, alia-flanke, ekzistas multaj tre diversaj pano-specoj.
La plej uzata pano estas 'KNÄCKE-BRÖD'; tio estas malmolaj biskotoj, kiujn oni manĝas ĉiam; sed, nuntempe, vi ankaŭ trovos panon sen sukero.
En Svedio, oni trinkas multe da kafo; laŭ la statistiko Svedio estas numero 1 en la ligo de kafotrinkantoj . . .
Ankoraŭ multon ni povus skribi pri la vivo en Svedio; sed ankaŭ vi mem iom esploru ĝin, ĉu ne? . . .
Ni, en LKK, salutas vin kaj diras: 'SKAL', tio estas 'Je via Sano'.



## EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

### BRITIO

**Brita amiko 80-jara.**
Unu el la plej konataj kaj ŝatataj figuroj de la IFEF-scenejo,

**Horace BARKS,**

la 21-an de septembro 1975 atingis sian 80-an vivjaron.
De pli ol 15 jaroj li partoprenis en preskaŭ ĉiuj IFEF-kongresoj. En plej agrabla memoro ankoraŭ estas la kongreso en Stoke-on-Trent, kie li kiel LKK-prezidanto majstris ĉiujn malfacilaĵojn. Dum tiuj longaj jaroj li kreis al si multege da amikoj en la tuta mondo pro sia ĝentila, seka angla humoro kaj per siaj konataj 'Barks-aĵoj'.
En sia urbo li zorgis por nomumo de du stratoj laŭ d-ro Zamenhof, resp. Esperanto, por busto de Zamenhof en la muzeo kaj ankaŭ por konata trinkejo 'Verda Stelo'.
Lia sanstato ankoraŭ permesas al li majstri multajn taskojn kaj de la ĉiutaga vivo kaj de libertempa okupado.
Ni deziras al Horace Barks, ke ankoraŭ longe li povu daŭrigi laŭ tiu ĉi freŝa, kreipova maniero ligita al same daŭra bonhumoro.

IFEF-estraro

### FRANCIO

**Epernay, franca jarkunveno 1975.**
El la salutparolado de la IFEF-prezidanto GIESSNER, ni notis jenajn vortojn:
'Pasis multaj jaroj, de kiam mi vizitis viajn jarkunvenojn. Ne grumblu, ke daŭris tiel longe, ĉar multaj l.a. deziras viziton. Des pli sincere estas miaj deziroj kaj salutoj nome de la IFEF-estraro — sed ankaŭ akceptu la certigon de mia ĝojo, ke hodiaŭ mi rajtas restadi en la rondo de miaj francaj amikoj.
Des pli mi ĝojas, ĉar ĝuste FFEA lastatempe tiom sukcesplene evoluiĝis — tiel mi kaj ĉiuj estraranoj kaj eksterlandaj gastoj havas okazon observi propraokule tiun prosperon.
Mia kaj nia komuna deziro al FFEA: Daŭrigu kun samaj rezultoj por la bono de nia komuna afero.'

### ITALIO

Dopolavoro Ferroviario organizis en Bologna filatelan ekspozicion en la Galerio 'Accursio'. En ties kadro Germano Gimelli prezentis kolekton de poŝtmarkoj kaj poŝtstampoj kun la titolo: 'Esperanto kaj Fervojoj'.
Ankaŭ en Rimini en la 'Circolo Filatelico Riminese' Gimelli ekspoziciis sub la slogano 'Turismo en poŝtmarkoj' la saman kolekton. Per tiu ĉi Esperantomaterialo Gimelli gajnis la unuan premion. Koran gratulon al li.

■■■■■■■■■■

## ADMINISTRAJ INFORMOJ

**Atentu adresŝanĝojn:**
La IFEF-kasisto Henning Hauge havas novan loĝejon. La adreso estas:
Tolne Station, DK 9891 Tolne (Danio).

La sekretario de la brita landa asocio nun havas la jenan adreson:
D.H. Wild, 16 Roughdown Road,
Boxmoor, Hemel Hempsteadt,
HP 3 9H X (Britio).



# ĜENERALAĴOJ

## SKIO-SEMAJNO EN LA MOLINA (Hispanio)

"I.F.E.S. '76"

Organizas H.E.F.A. Ronda San Antonio, 46/50, 2° 4a BARCELONA-11 8-13 februaro 1976, en la montara domo de U.E.C. LA MOLINA (Gerono) HISPANIO.
La restadejo U.E.C. situas en la kataluna pirenea montaro de la skio-sportejo "La Molina", kies alteco estas 1.500 m. La restadejo distancas mallonge de la stacio-domo; tamen oni disponigos veturilojn por transportado de la alvenantoj.
LA MOLINA estas facile atingebla per aŭtomobilo kaj per trajno. La fervojo-stacio La Molina troviĝas sur la fervoj-linio PARIZO-BARCELONA tra la landlimo LA TOUR DE CAROL/ PUIGCERDA.
La skio-tereno havas abundajn skio-vojojn facile atingeblajn per seĝo-liftoj kaj skio-telferoj, same taŭgaj por spertuloj kiel por komencantoj. Ankaŭ por la ne skiantoj ekzistas ebleco por efektivigi ekskursojn kaj marŝadojn al belegaj lokoj de la ĉirkaŭaĵoj.
La prezo de la restado estas 3000 pesetoj; ĝi inkludas la tra-noktadon, tri manĝojn tage, trinkaĵojn en ĉiu manĝado, transportadon de la stacio-domo ĝis la restadejo, ski-instruadon kaj ĉiujn aliajn aranĝojn.
La programo konsistos el diversaj ski-konkursoj kun abundaj premioj, lingva konkurso, karnavala vespero, diversaj ludoj kaj aliaj amuzaĵoj.

**Ĝeneralaj informoj**

1. Samtempe kun la aliĝilo sendu kiel antaŭ-pagon po 500 pesetojn por persono. Ĉi tiu sumo ne estas re-pagebla kaze de ne-partopreno.
2. Aliĝilo estos traktita nur post ricevo de la antaŭ-pago.
3. Ni rezervos la lokon laŭ la alveno de la aliĝiloj kun antaŭ-pago.
4. Antaŭ-pagon kaj aliĝilon sendu al la adreso de H.E.F.A., Ronda San Antonio, n° 46/50, 2° 4a Barcelona-11 Hispanio.
5. La aliĝintoj ricevos pli da informoj.
6. La aliĝfino estas la 1.1. 1976.
7. La restadejo de "U.E.C." konsistas nur el 4/6 lito-ĉambroj; ili estas ne-luksaj sed tamen ege puraj. Tiuj partoprenantoj kiuj deziros pli luksajn loĝejojn havas eblecon en la diversaj hoteloj ekzistantaj en La Molina. La prezo varias de 900 ĝis 1.500 pesetoj tage kaj po persono.

□ □ □ □ □ □ □

**Post la Universala Kongreso en Kopenhago . . . . .**

Dum la fervojista tago de la U.K. 75, la 29/7/75, nia dana kolego OLSEN faris prelegon pri la temo: 'D.S.B. sistem-transporto'.
Interesuloj, bonvolu sin turni al li aŭ al DEFA, Aderupvej 182, DK 4700 NAESTVED por ricevi la tekston de la prelego.

## 61-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Ateno (Grekujo), 1976-07-31 - 08-07
Alta Protektanto: Georgios Ralis, ministro en la registaro de Grekujo.
Konstanta adreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-3002, Nederlando.
Adreso de la Loka Kongresa Komitato: Poŝtkesto 3766, Poŝtoficejo Levidu, Ateno, Grekujo.

# FERVOJAJ INFORMOJ

**Esperanta originalo oficiale utiligita ĉe Eŭropaj Fervojoj.**

La dokumenta servo de la Germanaj Federaciaj Fervojoj (DB), kies sidejo troviĝas en Frankfurt/M, kutimas dissendi al la aliaj eŭropaj fervoj-entreprenoj originalajn kaj tradukitajn tekstojn pri temoj, kiuj koncernas transportojn. Siavice, ankaŭ la aliaj fervojoj reciprokas la diskonigon de verkoj kun tia karaktero.

En marto 1975 la Germanaj Federaciaj Fervojoj sendis al la Italaj Ŝtatfervojoj germanlingvan tradukon de artikolo originale verkita en Esperanto, aperinta en la numero 12/1974 de la revuo 'El Popola Ĉinio'. La frontispico de la oficiala publikaĵo, kiu ampleksas 8 paĝojn, diras: 'Traduko/ ü 4166/ DK 625.111.004.12 (51)/Gju, Hinhua/ - la nove konstruita Hunan-Gujĝoŭ-a Fervojo/ El Popola Ĉinio (Pekino) (1974) Nr. 12, 6 B, esper./ ü 4166 (Böhm)/m811'. La klarigoj de la frontispico estas en la germana, sed la originala titolo de la tradukita artikolo estas en Esperanto. Oni ankaŭ indikas, ke la originala teksto estas en Esperanto. La artikolo estas akompanata de pluraj fotoj, eltiritaj el la revuo 'El Popola Ĉinio', kun la originalaj klarigoj en Esperanto. La tradukon prizorgis Erwin BÖHM, membro de Germana Esperanto Fervojista Asocio.

Estas interese kaj grave, ke fervojo tiel altnivela kiel DB taksis menciinda, je internacia bazo, esperantlingvan artikolon.

El 'Pilo-Press' n-ro 32/75

## EMERITIĜO EN ITALIO

La 4-an de novembro 1975, nia komitatano kaj amiko Germano GIMELLI lasis la fervojistan servon; okaze de sia 62-jaraĝo, li emeritiĝis. Samtempe, li festis la 25-an datrevenon de sia esperantistiĝo.
Sincerajn gratulojn al niaj fidelaj geamikoj GIMELLI.



*Gesinjoroj Gimelli.*

# OKAZE DE LA "JARO DE LA VIRINO"

## LA VIRINO SEN PROFESIO

Verkinto en germana lingvo ne konata.
Tradukis: Joachim Giessner.

*'Sen iu profesio', eldiras la pasporto.*
*Ĉu povas esti vere? Al mi ja mankas vorto.*
*Kaj fakte jen mi legas: 'Sen iu profesio'.*
*Sed male, evidente utilas ŝi por ĉio.*
*Cerbumi nur kaj zorgi, labori por aliaj*
*ja* estas *profesio. Per pensoj, manoj siaj*
*matene ŝi komencas ĝis longe en la nokto,*
*por l' bono de la siaj. Ŝin ne kontrolas vokto.*
*Edzin', patrin', mastrino en familia domo*
*inkludas profesiojn sennombrajn de la homo:*
*Ŝi klare kompetentas tagtage por manĝaĵoj.*
*Pakisto ŝi fariĝas por famili-vojaĝoj.*
*Kirurgo, se en fingro pikiĝas dorn-doloro,*
*juĝisto en kvereloj kaj pro amara ploro.*
*Ŝi novtinkturas robojn, mantelojn eluzitajn,*
*genie ŝi financas monujojn tro streĉitajn.*
*Vivanta leksikono por ĉio en la mondo*
*kaj flikas la tolaĵon por ĉiu en la rondo.*
*Fabelojn ŝi rakontas, sen nur fariĝi laca,*
*kaj daŭre priatentas, ke l' domo estas paca.*
*Kuracas pupojn, estas eĉ dekoraciisto,*
*prizorgas la ĝardenon, kaj estas jen frizisto.*
*Nun tamen la presiston mi ne pli longe plagas,*
*ĉar multajn profesiojn ankoraŭ mi imagas*
*de inoj, kiujn kreis por l' ben' de l' homoj Dio.* –

*Sed diras la pasporto: 'Sen iu profesio'.*






## NEKROLOGO

### GERMANIO

En Germanio denove forpasis unu el la plej aktivaj membroj. La 6-an de oktobro 1975 subite mortis

**Kurt JENTSCH,** nask. 19.2.1908.

Li fariĝis membro de GEFA antaŭ 19 jaroj. Dum multaj jaroj li donis sian forton kaj tempon por Esperanto kiel kasisto en LKK Fulda (1967), kiel kelkjara GEFA-kasisto kaj precipe kiel evoluanto kaj konstruanto de diversaj Migraj Ekspozicioj, kiuj krom en Germanio ankaŭ en aliaj landoj estis prezentitaj.
Kurt Jentsch havis multajn amikojn ĉie trans la limoj, ĉar li mem estis amika, ĝentila, gaja kaj samtempe modesta kaj fidinda.
Kun li nia afero perdis sinceran kunlaboranton kaj multaj el niaj membroj sian amikon.

Estraro

## KORESPONDADO

F.K.S. celas havigi al siaj membroj, same al kursgvidantoj kaj komencantoj, fervojistoj aŭ ne, korespondantojn laŭ iliaj deziroj. Ĉiu korespondemulo rajtas senpage enskribiĝi.
Ĉiu persono kiu deziras informojn aŭ ricevi adresojn devos aldoni internacian respondkuponon aŭ francan p.m. por ĉiu petata korespondanto, ĉar F.K.S. posedas nenian subvencion. Tiuj kiuj havas problemojn por akiri internacian respondkuponon povas tamen aliĝi senpage al F.K.S.
Senprokraste enskribiĝu al:

**Fervojista Koresponda Servo**
**76, rue Bataille, 69008 LYON, FRANCIO.**

Indiku: nomon, aĝon, adreson kaj dezirojn.
La subskribinto certigas respondi almenaŭ unu foje.

BONDEZIROJ POR 1 9 7 6.

AL ĈIUJ NIAJ MEMBROJ KAJ GEAMIKOJ NI PLEJ KORE DEZIRAS AGRABLAJN FESTOTAGOJN KAJ ĈION BONAN POR LA VENONTA JARO.

I.F.E.F.-ESTRARO.

**La redaktofino por la venonta IF estas 15.1.1976.**

Grafika kaj teknika prizorgo: *Grafika Studio Nevan,* Rotterdam.